

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XVIII Nº 242 NOVIEMBRE-DICIEMBRE 1980

# 22-A KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

S-ro Mora i Arana legas la verdikton de la konkurso




# BOLETIN
## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XVIII Nº 242 NOVIEMBRE-DICIEMBRE 1980


# 22-A KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

S-ro Mora i Arana legas la verdikton de la konkurso

BOLETIN
DE LA
FEDERACION ESPAÑOLA
DE ESPERANTO

DIRECTORA
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION

D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez

*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*

Depósito Legal VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12 2º C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.
Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO
Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA
Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

H.E.J.S.
(Junulara Sekcio de H.E.F.)
Carreras Candi, 34-36
BARCELONA-28

# 22-a Kataluna Esperantista Renkontigo

VILANOVA I LA GELTRU (Garraf)



S-ro Fernández Jurado parolas dum la inaŭguro de strato D-ro Zamenhof.

La 27-an kaj 28-an de septembro kun bela vetero preskaŭ somera okazis la ĉijara Kataluna Esperantista Renkontiĝo en Vilanova i la Geltrú, havena urbo ĉe la «Orumita Marbordo» kaj sidanta sur la Garraf regioneto.

En la sabato estis inaŭgurita retrospektiva ekspozicio precipe pri antaŭaj katalunaj kongresoj kaj renkontiĝoj kun materialo plejparte disponita de la Esperanto-Muzeo de Sant Pau d'Ordal. Tuj sekvis publika esperanta leciono fare de Petro Nuez kun multnombra ĉeestantaro.

Dimanĉo matene post la akceptado, Oscar Otero en faka kunveno por kursgvidantoj prezentis novan eksperimentan metodon de instruado. Samtempe kunvenis la junularo kun diskutoj kaj informoj pri la estonta Esperanto organizado. La junulara kunveno finiĝis per korda koncerto, kiun ludis knabina orkestro.

En la paroĥa preĝejo Sankta Antono Abad okazis katolika meso kun prediko en Esperanto, kiun celebris pastro Manuel Casanoves.

Post tiuj programeroj kaj cere-

monio la esperantistoj vizitis la urbodomon en kie ili estis akceptitaj de la urbestro Jaume Casanoves. Li je propra nomo, de la urbestraro kaj de la popolo de Vilanova kaj «la Geltrú» bonvenigis la esperantistojn dezirante bonan restadon en la urbo. Li diris, «La esperantistoj estas humana semo kaj ni kunsentas kun ilia spirito, tiu de la esperantistoj de Vilanova kaj la Geltrú, kiuj predikis per la ekzemplo. Poste ni iros inaŭguri straton el la urba eksteraĵo. Nun ĉe ĝi staras malmultaj domoj, sed tie stariĝos lernejo, kies lernantoj vivados la nomon de Esperanto. Tio estas trafa ideo».

Pastro Manuel Casanoves nome de la esperantistoj dankis la urbestron kaj memoris, «Antaŭ dek ses jaroj Vilanova kaj la Geltrú gastigis la esperantistojn okaze de antaŭa Renkontiĝo, sed hodiaŭ tion faras demokratia urbestro. Esperanto devas esti ligilo de amo. Ĉiu en sia hejmo sia lingvo kaj ĉie alia neŭtrala lingvo sen kiun ajn imperialismo». Finita la dankparolado li donacis al la urbestro Katalunan Antologion.

Sekve ni aliris al la nomota strato Zamenhof. Tie estis malkovrita tabulo, kiu tekstis: «Carrer de Dr. Zamenhof, 1859-1917. Fundador de l'Esperanto-Llengua Internacional».

S-ro Fernández Jurado alparolis nome de la esperantistoj kaj diris: «Estimataj samideanoj. Ni havas la honoron ĉeesti al tiu ĉi urbo por inaŭguri straton kun la nomo de nia majstro D-ro Zamenhof. Mi parolos katalune por danki la urban estraron pro ties atento. S-ro Urbestro kaj konsilantaro; ni estas tre honorataj inaŭgurante tiun ĉi straton per la nomo de tiu hum[illegible]to Zamenhof. Via urbo ank[illegible] estas honorata per la nomo de Zamenhof. La infanoj, kiuj ĉe[illegible] al tiu ĉi lernejo konos la nomon de Zamenhof.

Ni ĉiuj, kun malsamaj ideoj estas unuigitaj pere de Esperanto. En la dudeka jarcento kiam tiom prosperis la scienco, estas honto la nesolvado de la lingva problemo. Ke ĉi tie oni kulturu nian lingvon kaj la fremduloj lernu la sian. Unu patrina lingvo kaj unu ilo de interrilatiĝo por ĉiuj. Amiko Casanoves, multe da danko.

Sub la kadro de tiu ĉi 22-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo disvolviĝis la 20-a Internaciaj Floraj Ludoj en Esperanto.

Unue Petro Nuez legis leterojn de Rafaela Urueña-Alvarez, prezidantino de HEF, kaj de pastro Josefo Claramunt.

Johano Morató sciigis pri kunveno en Sabadell, en kiu fondiĝis ne oficiale Kataluna Esperanto-Asocio kun provizora estraro, kies prezidanto estas pastro Manuel Casanoves.

Gabriel Mora i Arana sekretario de la Floraj Ludoj prononcis enkondukan paroladon kaj legis la verdikton de la juĝkomisiono. Suriris la podion la reĝino de la festo s-ino Angelino del Pozo.

Oni deklamis la premiitajn poeziaĵojn kaj kiel paŭzo inter la deklamadoj knabina korda muzikistaro ludis katalunajn komponaĵojn.

Salvador Gumá prezentis la preleganton de la festparolado R. Llech —Walter el Rosiljono. «Li senlace dum sesdek jaroj



laboris por Esperanto kaj dum multaj jaroj li estis estrarano de UEA kaj prezidanto de la Franca Esperantista Unuiĝo».

René Llech-Walter komencis sian paroladon reliefigante, ke li estas kataluno el Rusiljono kaj majstro en «Gai Saber». Li rimarkis, ke oni ankoraŭ aŭdas, ke Esperanto ne povas esti taŭga por poezio. Estas kritikistoj, kiuj kritikas kion ili ne konas. Esperanto ne estas projekto, sed vivanta lingvo. Zamenhof pruvis ĝian taŭgecon. Same je 1909 en Barcelono dum la 5-a Kongreso. En tiuj Unuaj Floraj Ludoj, Edmondo Privat gajnis la duan premion kaj la unuan Maria Hankel.

Honore al E. Privat li recitis lian versaĵon «La Lasta Kiso». Pri la neologisma problemo Llech-Walter diris «Oni devas riĉigi la sentesprimon per maksimuma uzado de la vortaro. La nesufiĉe lertaj samideanoj devas ne uzi la neologismojn, tamen la spertuloj jes, sed pro utila bezono. Ni ne forgesu la fundamenton nek la akademion. Konservu la radikojn kiel komunaĵon, sed se neologismoj estas enkondukitaj oni povas delasi la antaŭajn formojn kiel konservaĵojn aŭ arkaismojn. Koncerne la komencantojn: Uzu la neologismojn kun singardemo.

Esperanto estas facile lernebla, tamen por regi ĝin oni longe devas studadi. La kursgvidantoj prudentaj celas la perfektiĝon. Ne krokodilu. Ni devas profiti la kongresojn por paroli Esperanton. Simple kalkulu la malmultajn horojn, kiujn oni parolas esperante kaj komparu kun tiuj, kiujn oni parolas la naciajn. Devigu la aliajn paroli en Esperanto. En niaj Grupoj estigu konversaciajn kunvenojn, sufiĉas du esperantistoj por ilin entrepreni».

René Llech-Walter fine diris, ke li estas tre ĝoja esti en Katalunujo kaj invitis ĉiujn en Pentekosto viziti Perpignan okaze de la Franca Esperantista Kongreso. La katalunoj estas invititaj kaj por ili la aliĝo estos senpaga.

Joan Morató per ferma parolado dankis ĉiujn kunlaborantojn de la Floraj Ludoj, ankaŭ la iniciatorojn de la restarigo de aŭtonoma Kataluna Esperantista-Asocio, kaj la aŭtoritatulojn de Vilanova kaj la Geltrú, kiuj oferema helpis nin.

Bankedo en loka restoracio finis tiun sukcesan ĉijaran Esperantistan Renkontiĝon.

**G. MOYA**

# 20-aj Internaciaj Floraj Ludoj - 1980-a

## VERDIKTO

NATURA FLORO: «Kanto de Salomón al Ŝulamit», de Jiři KOŘINEK, el Ĉeĥoslovakujo.
Subpremio: «Studenta kanto», de Zora HEIDE, Svedujo.
JASMENO: «'Cannabis Indica», de Joan Ramón GUIÑON, el Hispanujo.
VIOLO: «Ni estas nur homoj», de Zora HEIDE, el Svedujo.
ORIGINALA PROZO: «Du Virgulinoj ĉe rando de infero», de Bernard GOLDEN, el Hungarujo.
Subpremio: «La Sinjoro Instruisto», de Georgi MIHALKOV, el Hungarujo.
TRADUKA BRANĈO. Subpremio: al Luis SERRANO PEREZ, el Hispanujo.

Subskribis la Verdiktan Akton:
P. Manuel CASANOVES CMF, Prezidanto: Salvador GUMA, R. FERNANDEZ JURADO, Joan VELEZ; kaj G. MORA i ARANA, Sekretario.

---

## INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ-1980-a

---

# Natura Floro

## KANTO DE SALOMON AL ŜULAMIT

Kiom da horoj sen trankvil' kaj dormo
forbrulis vane en sopir',
mi kiom ofte, koron sur la polmo,
antaŭ vi staris kun admir'.

En revoj miaj antaŭ vi genuis
mi en plej arda amekzalt'
kaj tiam mia kor' en vin transfluis:
inundis vin per sama ard'.

Pardonu, petas mi, pro la vizio,
ĉu pek' ĝi estis aŭ herez',
ĉu plej delica sonĝdonac' de Dio:
ĝi estis rava sortkares'.

Ĉar ĉio estis senmakule ĉasta,
fontis el pura amover',
ne povis mia revo alabastra
estis stampita de infer'.

Vi antaŭ mi virgine blanka kuŝis
en ĉarma kaj sveniga nud',
kaj mi karese vian korpon tuŝis
per kisoj mil sen ĉia prud'.

Ho kara, ne restadu ŝtono dura,
mi petis; ne turmentu min:
trinkigu min el via dolĉo pura;
ne eblas soifad' sen fin'.

Mi mankaresis viajn silkajn harojn,
sur frunto kisis vin, sur buŝ,
kaj vi neniajn kontraŭmetis barojn:
Nur varme molis kiel pluŝ.

Malvarmo via fine fordegelis;
el vi radiis ina am'
dum lipoj vin per kisoj malsigelis:
sur svelta nuk', sur roza mam'.

Al pint' pieda, al rondaĵo sura
falis da kisoj fajra pluv',
kaj al talio kaj velur' femura
premiĝis kisa amopruv'.

Kaj al palpebroj, ĉarmaj du okuloj
teneraj, kisoj metis sin,
ĝis plej sekretaj de l' sanktej' anguloj
nun rajtis mi penetri vin.

Ke el ineca dolĉa ĉirkaŭpreno
ne cedos mi de via flank',
fordonos ĉion mi por ĉi edeno;
al vi ekflustris mi kun dank'.

**JIŘI KOŘINEK**

# SEPDEK KVINA DATREVENO DE LA UNUA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Dum aŭgusto de la 1905-a jaro Boulogne-sur-Mer (Francujo) estis la sidejo de la Unua Universala Kongreso de Esperanto. Tie kunvenis pluraj centoj da geesperantistoj el la tuta mondo, inter kiuj renkontiĝis la aŭtoro de la Internacia Lingvo Esperanto, D-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof kun sia edzino, Klara Silbernik.

Unuafoje homoj de malsamaj lingvaj komunumoj parolis solan lingvon; Esperanto. Tiu evento kaŭzis agrablan surprizon kaj sinceran miron inter la gekongresanoj, multaj el kiuj neniam estis parolintaj Esperanton.

La vortoj kiujn alparolis D-ro Zamenhof spegulis klare la veran sukceson de tiu memorinda Kongreso. Mi sekve transkribas kelkajn paragrafojn de lia grava parolado:

«Mi salutas vin, karaj samideanoj, fratoj kaj fratinoj el la granda tutmonda familio, kiuj kunvenis el landoj proksimaj kaj malproksimaj, el la plej diversaj regnoj de la mondo por frate premi al si reciproke la manojn, pro la nomo de granda ideo kiu ĉiujn ni ligas... Modesta estas nia kunveno; la ekstera mondo malmulte scias pri ĝi; la vortoj parolataj ĉi tie ne flugos telegrafe al la tuta mondo; nu kunvenas ĉefoj de Ŝtato nek ministroj por ŝanĝi la politikan mapon de la mondo; ne brilas luksegaj vestoj kaj multenombraj imponantaj juveloj kaj ordenoj; oni ne aŭdas la bruon de la kanonoj ĉirkaŭ la modesta domo en kiu ni renkontas nin; sed tra la aero de nia salono flugas misteraj sonoj, preskaŭ neperceptablaj por la oreloj, sed kiujn ĉia animo sentimentala sentas: estas la sono de io granda kio nun naskiĝas».

Estis naskiĝinta la ligo de frata unuiĝo inter la homoj per Esperanto. Certe la vojo estis tre longa kaj malfacila, sed la fido kaj la konstanteco estis venkontaj la plej grandaj obstaklojn kaj Esperanton oni disvastigus en la tuta mondo kiel nekompareblan vehiklon de amo, kulturo kaj paco.

Ĉu ni scios daŭrigi la meritindan laboron de niaj pioniroj?

**INSTRUISTO**

---

# INTERESA NOVAĴO

Nun estas havebla ĉe Libro-Servo de H.E.F. (Dos de Mayo, 4. VALLADOLID) kaj Llibrería Esperanto (Carreras Candi, 34-36. BARCELONA) la hispanlingva traduko de la verko de J. Korytkowski titolata: «LA IGLESIA Y EL PROBLEMA DE LA LENGUA AUXILIAR ESPERANTO», tradukita de Enrique Zanni kaj eldonita de Editorial Claret.

La verko, 142 paĝa, kostas 350 p-toj. Mendu tuj ĝin.

---

# LAŬREATO DE POLA RADIO

Jes, mi gajnis la unuan premion en la lastaj konkursoj de Pola Radio, kaj mi pasigis senpage en la ĉarma Pollando la 15 unuajn tagojn de la pasinta septembro.

Dum tiuj semajnoj la pola popolo travivis tiklan kaj delikatan momenton, sed la specialaj cirkonstancoj neniel malheligis la agrablan restadon. Ankaŭ ni povis konstati ke malgraŭ la streĉa situacio, la vivo en Varsovio estis tute normala, same kiel en ĉiuj urboj kiujn ni vizitis, La pola loĝantaro havas altnivelan socian senton kaj edukon. Kore mi deziras ke la nobla strebado de la nereduktebla pola raso, atingu la sukceson, kiun ĝi meritas kaj deziras.

La agrabla aventuro fakte komenciĝis en Madrido de kie ni flugis al Varsovio, tra Luksemburgo. La alveno ĉe la pola ĉefurbo estis kortuŝa, ĉar polaj geamikoj kaj membroj de la Esperanto Redakcio de la Pola Radio akceptis nin tre varme.

Priskribi detale la tutan restadon estos neebla pro la densa programo tre lerte kaj trafe preparita por la organizantoj. Ĉe GRANDA HOTELO, vere metropola, kunvenis la 17 laŭreatoj, kiuj korespondis al la diverslingvaj sekcio de la Pola Radio: kvar rusoj, kvar germanoj, belgino (poldevena), franco, italo, hispano, usono, brito, argelino, ghano kaj mi kiel esperantisto. Mil fojojn montriĝis dum la vojaĝo ke Esperanto estas bezonata. Malgraŭ ses tradukistoj de la Radio kaj Turisma Agentejo Orbis, akompanis nin, estis preskaŭ nesolveblaj problemoj de interkomprenado. Por paroli kun ruso ofte ni bezonis du interpretistojn, la unua tradukis de la rusa al la pola kaj la dua de la pola al la franca por mi; la respondo devis sekvi la saman vojon. Vera babeleto kui paligis la amikan senton kiu regis inter ni, malgraŭ ĉio. Mi profitis ĉiujn okazon por klarigi ke Esperanto solvas la aferon.

Kvazaŭ telegrame mi devos raporti pro nia neforgesebla travivaĵo en Polio: En Varsovio ni vizitis ĉiujn vivindaĵojn, p.e. Malnova urbo; prezentado de filmo pri la rekonstruado de la ĉefurbo (vere titana laboro, ĉar oni devis restarigi la 90 procentojn de la konstruaĵoj); Reĝa Kastelo; Parko Lazienki; detala vizito al la Palaco de Willanow; grava spektaklo de pola opero ĉe la Granda Teatro, k.p.t.

Tuj ni komencis rondiradon tra la suda parto de la lando. Nia unua halto estis en la urbo Kielce kie ni vizitis la ĉefajn monumentojn kaj akompanis nin juna kaj simpatia loka gvidantino kiu flue parolis Esperanton. Nia posta haltado estis Krakovo, la iama pola ĉefurbo kaj unu el la plej artaj kaj historiaj urboj en la mondo. Vere



Palaco de la XVII-a jarcento en Varsovio

mankis tempo por ĉion detale vidi, ĉar ni restis tie nur unu tagon. La impona katedralo de Wawell, ĉirkaŭita per 18 kapeloj enhavas la tombojn de la ĉefaj polaj reĝoj kaj mirigas la vizitantaron pro la beleco de la altaroj kaj aliaj ornamaĵoj; la malnova urbo estas vivanta muzeo kun preĝejoj kaj civilaj konstruaĵoj de ĉiuj stiloj kaj speciale la ĉefa placo kun la gotika konstruaĵo de la Collegium Maius meritas specialan mencion.

Je 13 kilometroj de Krakovo estas la sal-minejo de Wieliczka kie ni pasis unu el la plej agrablaj surprizoj de la vojaĝo: Malnovan minon oni transformis en muzeo kaj inda vidindaĵo, ĉar je 200 metroj subtere estas belega preĝejo kun ĉiuj altaroj, figuroj kaj ornamaĵoj konstruitaj el salo de la propra minejo; diversaj salonoj kaj eĉ tenisa kampo, kompletigas la subteran mirindan spektaklon de akvo, lumo kaj arto. Vere tre agrabla memoraĵo.

Nia nova celo estis la suda montaro Tatra kie ĉefurbas la bela somera kaj vintra urbo Zakopane. Tie ankoraŭ svarmis la naciaj kaj fremdaj turistoj; la folkloraj festivaloj okazis senĉese tie. Ni supreniris la pinton de Kasprowy Wierch je 2.000 metroj de alteco. La tuta regiono estas fama pro la manlaboroj de la lokaj metiistoj sur la ligno kaj ledo: Tie ni havis la okazon aĉeti la devigajn memoraĵojn por la familianoj kaj amikoj kiuj restis hejme.

Venontan tagon per malgrandaj boatoj ni trapasis kelkajn kilometrojn de la riber-breĉo de Denajec, sekvante longan spacon de la ĉeĥa landlimo; la pejzaĝo estis rava kaj vere bela.

Tiun tagon ni tranoktis en Nowy Sacz, moderna urbo kiu je kelkaj kilometroj konservas la tipan ĉefan placon de la antikva urbo, tiel kiel estis antaŭ la dua mondmilito.

Venontan tagon estis dimanĉo kaj ni ĉeestis la Meson en Nowy Sacz mem. Unu el la plej interesaj impresoj ricevitaj en Pollando, estas la religia sento de la enloĝantaro, ĉiuj preĝejoj estas plenplenaj kaj la fervoro estas granda. Ni ne povis eviti fari komparon kun la religia situacio en nia lando nune.

La plej pensiga kaj emociiga ero de nia programo estis la venonta: Ni detale vizitis la hitleran koncentrejan kampon «Auschwitz»; estas malfacila afero kompreni kiel la homa konduto povas fari tiel kruelajn agojn kontraŭ la homaro. Vidi milojn da ŝuetoj kiuj apartenis al la infanoj kiuj estis murditaj kaj bruligitaj, plorigas la plej fortan koron kaj tio ĉi estas nur unu el la eroj de tiu vivanta muzeo. Ni forlasis la ejon kun malgaja sento kaj pensinda memoraĵo.

En Chorzow ni vizitis la Parkon de la Kulturo kaj Ripozo kie estas la interesan Planetarium kun grafika leciono de nuna astronomio. Aŭtomobila rondirado tra la industria urbo Katowice, kompletigis la tagon.

Survoje al Varsovio, denove, ni trapasis la faman urbon Czestochowa, kie oni honoras la mondkonata brunan virgulinon ĉe la monaĥejo de Jasna Gora. Ni trovis la urbon tutplena de miloj kaj miloj da pilgrimuloj kiuj festis la Maria-tagon, la 8-an de septembro. Afabla monaĥo akompanis nian grupon tra la preĝejo, sakristio kaj aliaj interesaj lokoj de la sanktulejo. Denove ni konstatis la religian senton de la poloj.

Denove en Varsovio ni pasigis la venontajn kaj lastajn tagojn vizitante Nieborow kun interesa muzeo; Zelazowa Wola la naskiĝdomo de Frederiko Chopin kie oni regalis nin per belega fortepiana koncerto fare de pola fama artistino.

Specialan signifon kaj emocion havis la akceptado ĉe la Pola Radio, de la laŭreatoj. Ĉiu Redakcio afable akceptis la proprajn laŭreatojn. Nia Esperanto-Redakcio estis ege ĝentila kaj sindona kun ni, multajn komplezojn ni ricevis. En la ĉefa salono de la domo okazis la solena akceptado kun afabla parolado de la Ĝenerala Direktoro de Pola Radio kaj Televido; li petis nin ke ni estu ambasadoroj en nia propra lando de la gastema Polio. Sekvis dankparoladetoj de kelkaj laŭreatoj, inter ili la esperantisto, kui komencis la vicon. Regis entuziasma etoso kaj Esperanto laŭte sonis tie ĉar ni renkontis diversajn gesamideanojn, krom tiuj de la Esperanto-Redakcio, dum la daŭro de la akcepto. Pola Radio intervjuis min kaj ankaŭ faris tion pola ĵurnalistino por la ĵurnalo VARSOVIA KURIERO; mi akcentis la gravecon de Esperanto en ĉiuj kampoj de la homa aktiveco.

Ankoraŭ ni trovis tempon por ĉeesti la regulan kunvenon de

Varsovia Esperanto-Klubo kaj iomete rakonti tie pri Hispanio kaj ankaŭ viziti Esperanto-Klubon de Amikeco ĉe Varsovia kvartalo, kie knabina vigla Grupo interkorespondas kun la tuta mondo; ili kantis belajn Esperanto-kanzonojn.

La tuta restado kaj rondirado estis ege bone organizita; la vizititaj lokoj, bone elektitaj; la amikeco kaj kamaradeco inter la partoprenantoj, altnivela kaj la kontaktoj kun la pola popolo, neforgesebla evento. Ni sincere rekomendas la vizitadon de tiel interesa lando.

Ankaŭ mi volas profiti la okazon por kore rekomendi al ĉiuj gesamideanoj ke ili regule aŭskultu la interesajn elsendojn de la Pola Radio en la internacia lingvo; la enhavo estas tre alloga kaj la diversaj programoj tre interesaj. De tempo al tempo skribu al la Redakcio kaj okaze de la konkursoj ne hezitu partopreni ilin. Vi povos atingi premion kaj ĝui la samon kiel mi. Estu certaj ke la koncerna premio estas altvalora kaj meritas ke ni faru la eblon por atingi ĝin. Mi jam multe trakuris la mondon, sed tiu lasta vojaĝo al la lulilo de Esperanto, estas la plej bela kaj interesa kiun mi faris ĝis nun.

**Ramón MOLERA**

---

# HISPANA ESPERANTO FEDERACIO

HEF-Komisiono por la aljuĝo de la «Premio Klara Silbernik» sub la patronado de la Hispana Esperanto-Muzeo.

Sekretariejo ĉe: V. Hernández Llusera. Avda. Onze de Setembre, 59. SABADELL (Barcelona).

Per la «Premio Klara Silbernik» oni celas simbole rekompenci la edzinon de esperantisto, kiu plej fervore apogis sian edzon en lia agado por Esperanto.

La Premio konsistas el medalo montranta la buston de Klara Silbernik, edzino de D-ro Zamenhof, kiu s-ino tiom helpis sian edzon por la aperigo de Esperanto.

Tiun Premion rajtas ricevi la edzino aŭ vidvino de hispana esperantisto, apartenanta al iu ajn Esperanto-Asocio. (Eĉ se ŝi ne parolas Esperanton.)

Oni liveros la medalon okaze de Hispana Kongreso de Esperanto.

La aljuĝa komisiono de HEF petas al ĉiuj E-organizaĵoj sendi proponojn de kandidatinoj al tiu Premio.

Ĝianome:

Luis María Hernández Izal (kiel prezidanto)
V. Hernández Llusera (kiel sekretario)
D-ro Joaquín Bielsa (kiel voĉdonanto)
María Ferigle Danti
Ramón Molera Pedrals
Santiago Torné Grau

# «ATALAYA ESPERANTISTA» PLENUMIS DU JAROJN

«Atalaya Esperantista» estas rubriko kiu aperas en la semajna periodaĵo «Hoja del Lunes» de Gijón. Ĝi komencis sian aperadon en Oktobro de la 1978-a jaro. Ĝia ekzistado plenumis, do, du jarojn. Dum ili ĝi aperigis 50 komentariojn pri la utileco de Esperanto en la diversaj facetoj de la homa vivo; 98 informojn pri la plej variaj agadoj de la Esperanto Movado lande kaj eksterlande; 4 gravajn opiniojn; 2 pensojn kaj 6 proverbojn.

Samideano kiun mi ŝatas tre sincere petis min skribi ion por sciigi al gelegantoj de «BOLETIN» kiel aperis tiu rubriko. Mi promesis fari tion kaj kvankam mi sentas min tre lacega, mi sekve intencos komplezi lin.

Kiam mi dum la 1978-a jaro translokiĝis en Gijón, mi vizitadis la Direktoron de «Hoja del Lunes», antikva redaktoro de malaperinta ĵurnalo «Voluntad», por peti lin ke li aperigu en sia periodaĵo ion pri Esperanto. Li respondis per ĉi tiuj aŭ similaj vortoj: «Se la spaco permesos tion, mi aparte ne estos ĝenaĵo». La respondo ne estis tre optimisma. Tamen, aperis tre neregule la unuaj artikoloj. Novaj vizitoj, kelkaj kun alia entuziasma esperantisto kaj bona amiko de la respondeculo de la periodaĵo. De tiam la aperado estis iomete pli regula ol antaŭe. Dum la dua duono de la pasinta jaro kaj la unua duono de la nuna, la apero estis preskaŭ tute regula. Tion atestas la supre notitaj ciferoj.

La rubriko «Atalaya Esperantista» estas la kulmino de longaj jaroj de laboro kiu komenciĝis en la ĵurnalo «Voluntad» antaŭe citita en la jaroj 50-aj, daŭrigita en «El Comercio», «La Voz de Asturias», «Región», «La Nueva España», «Jaén», «El Noroeste», «Asturias», «El Norte de Castilla» kaj la gazetoj «Boletín Informativo de Carbones de La Nueva», «Mundo», «La Mina» kaj «Pumarín, Boletín Informativo» kaj la elsendejo «Radio Juventud de Langreo» (hodiaŭ de Asturias), kun sidejo en Sama de Langreo, kies Direktoro ĉiam akceptis tre ĝentile miajn skribaĵojn.

Iu demandos min: Kiom vi gajnis pro via laboro? Mia respondo estas, parodiante evangelian frazon, la jena: «Ne nur per pano oni nutras la homon...» Mi laboris por Esperanto ĉar mi identiĝis kun la neŭtrala doktrino de D-ro Zamenhof, laŭ kiu la internacia lingvo estas vera vehiklo de amo, kulturo kaj paco.

Bedaŭrinde mi rimarkas ke multaj geesperantistoj ne pensas same. Ili laboras kontraŭ la noblaj celoj kiujn rekomendis la aŭtoro de Esperanto. Kaj, kompreneble, mi dubas pri la utileco de mia modesta laboro. Ĉu ĝi estis utila aŭ ne utila? Tiu estas demando kiun mi faras al mi ofte. Kaj mi pensas ke la respondon havas la responsuloj de nia kara Movado, laŭ tio ke ili zorgas pri la neutraleco de Esperanto. Ĉar la vera sukceso de Esperanto nur povos kulmini per la vojo de la neŭtraleco. Ĉi tiu estas, almenaŭ, mia opinio.

Tamen, mia laboro, utila aŭ ne utila, estas en la paĝoj de la cititaj periodaĵoj. La Historio juĝos ĝin kiel juĝos tiun de aliaj geesperantistoj. La juĝo povos esti favora aŭ malfavora, sed mi kredas ke neniu povos diri ke kiam mi skribis pro aŭ por Esperanto, gvidis min malŝatindaj celoj. Kontraŭe: mi faris tion por kontribui, kvankam tre modeste, al la disvastigo de Esperanto, kiu naskiĝis pro amo al la homaro kaj, konsekvence, por fari pli facila la homan interkompreniĝadon kaj la pacon inter la popoloj, kaj pensante ke se nia Movado suferos fiaskon tio okazos ĉar la geesperantistoj rezignis la definitajn celojn de la Majstro Zamenhof.

Por fini ĉi tiun skribaĵon, mi petas al la gelegantoj de «Boletín» ke ili bonvolu skribi al S-ro Direktoro de «Hoja del Lunes», Don Enrique Prendes Díaz, Marqués de San Esteban, 9, GIJON, dankante lin; ĉar li aperigis en sia periodaĵo la rubrikon «Atalaya Esperantista», kaj petante lin daŭrigi ĝin je la servo de la amo, la kulturo kaj la paco en la tuta mondo.

**INSTRUISTO**

# Pastro Anchieta, Apostolo de Brazilo (1534-1597)



P. Josefo de Anchieta (legu Anĉieta), apostolo de Brazilo, misiisto kaj fondinto de la fama ĉefurbo Sankta Paŭlo (Sao Paulo) naskiĝis en La Laguna (Kanariaj Insuloj) la 19-an de marto de 1534-a.

Post la baza lernado en la propra naskiĝloko, li translokiĝis al la Universitato de Koimbra (Portugalujo) kie li eniris en la Societon de Jesuo, ĵus fondita de lia parenco Ignaco de Lojola.

Ĉar li serĉis pli bonan klimaton por sia malforta sano, li estis sendita de siaj Superuloj al la nova eltrovita Brazilo, kie li tiel heroe vivis ke ekde la jaro 1553-a ĝis 1597-a, kiam li forpasis, ĉion plenigis lia famo ĉu kiel sanktulo, ĉu kiel saĝulo kaj poeto.

Anchieta estis do la unua Humanisto de la Nova Mondo, plurtema verkisto, geologo, geografo. Li sendis al Romo kaj Portugalujo konstantajn informojn pri geografio, botaniko, zoologiko kaj geologio de Brazilo. Kreinto de la brazila literaturo, li verkis en portugala lingvo la libron «Universala Predikado» kiun li poste tradukis al la «tupi» lingvo por konverti la indianojn, speciale la plej nekonatajn kaj sovaĝajn kiel la «tamojoj».

Dank'al li la katolika religio disvastiĝis ekde Amazonio ĝis La Plata kaj ekde la maro ĝis la Andoj. Li estis la vera forĝisto de la religia, lingva kaj teritoria brazila unueco forpelinte S-ro Durant de Villegaignon, kalvinisma gaŭlo, kiu en tiu tempo estis militanta kontraŭ la portugaloj por nuligi ilian civilizacion.

Dum sia tuta vivo, P. Anchieta multe verkis: «Pri heroaĵoj de la Prezidanto Mem de Sáa», «María Poemo», «Nova Adamo», «La Brazila Orfeo» aŭ «Harmostes» k.t.p. estas malgrandaj ekzemploj.

Pro sia boneco kaj vigleco en sia laboro li estis kromnomita de la indianoj «Granda Patro» kaj la kolonianoj nomis lin «La Apostolo» kaj «La Sanktulo».

Korpe laciĝinte pro la grandega laboro, la 9-an de Junio de 1597-a li forpasis en la vilaĝo Reritibga, hodiaŭ nomata Anchieta.

Sekve, mi, kiuj bonŝance tiun multaspektan figuron studis, lin konsiderante kiel novan revivigan Vergilion, senpacience atendadis dum multaj jaroj la oficialan agnoskon kiun la Katolika Eklezio faras al la diservintoj. Kaj ĉi tiu estas la ĝojega novaĵo, kiun hodiaŭ mi sendas al vi, ĉar mi estis invitata en Romon pro la fakto ke mi, Profesoro pri humanismo en la diocesana Seminario en anĉieta naskiĝloko, diskonigis tiel elstaran viron, kaj studis pri lia verkaro kaj agado.

Do, kelkaj el miaj verkoj pri Anchieta jam fariĝis realaĵo, kaj aliaj baldaŭ aperos, ekzemple «Bibliografio» kaj detala «Anchieta Antologio».

**P. Patricio de Fuentes**

# NIAJ GRUPOJ

## VALLADOLID

### PRELEGOJ EN LA GRUPO «FIDO KAJ ESPERO»

Profitante la viziton al nia urbo de la elstara kaj entuziasma s-ano Josif Boszga, de Rumanio, la loka esperantista societo okazigis en la sidejo, la 6-an de setembro, kunvenon kun la celo aŭskulti prelegon de nia gasto pri la temo «Rumanio, latina popolo en la Orienta Eŭropo».

La preleganton prezentis, per trafaj vortoj, la Prezidantino de la Hispana Esperanto Federacio D-rino Urueña, menciante la fakton ke ŝi kaj ŝia edzo persone interkonatiĝis kun S-ro Boszga okaze de la U.K. en Varna (Bulgarujo).

La unuaj vortoj de S-ro Boszga estis por danki la Prezidanton de la Grupo S-ro Diez García kaj la Prezidantinon kaj Sekretarion de H.E.F. pro la invito kiun ili sendis al li kaj kiu ebligis lin realigi sian jam longjaran revon viziti Hispanujon.

Sekve, li menciis la personan impreson kiun li havis post la vizito al diversaj urbaj monumentoj kaj muzeoj ekzistantaj en Valladolid kaj aldonis ke tiuj artaj trezoroj estas atestiloj de historiaj eventoj, «ĉar la historio estas la vivo mem de la popolo».

Daŭrigante sian paroladon S-ro Boszga rakontis pri la Esperanta aktivado en sia lando kaj ĉefe en sia loĝurbo Baia Mare, kie li estas tre vigla kaj aktiva instruanto de Esperanto. Grava paŝo antaŭen en la rumana E-movado estis la partopreno de grupo da rumanaj samideanoj en la 63-a Universala Kongreso, kaj post tiu Kongreso, li organizis en Baia Mare prelegon pri la temo «Kion mi scias, kion mi ne scias pri Esperanto» kiu altiris la atenton de la tiea loĝantaro.

Ankaŭ kiel gravan kontribuon de la rumanaj geesperantistoj, li menciis la partoprenon de rumana pupteatra trupo en la Internacia Pupteatra Festivalo okazinta en Norvegujo. Li finis sian paroladon dezirante ke tiu ĉi prelego taŭgu por ampleksigi la rilatojn inter la rumanaj kaj hispanaj geesperantistoj, kaj sukceson en nia esperantista agado. Tondra aplaŭdado de la ĉeestantaro estis la taŭga premio por tiel sincera, amika kaj bonkora parolado.

La 30-an de Oktobro, ankaŭ la Grupo «Fido kaj Espero» havis okazon ricevi viziton de bulgara samideanino S-ino Liljana Ivanova, kiu akompanate de bulgara amikino ne esperantista estis gastoj ĉe familio Hernández-Urueña. Prezentis S-inon Ivanova, S-ano Luis Hernández elstarigante la amikecon ekzistantan inter ambaŭ familioj de antaŭ pluraj jaroj.

S-ino Ivanova prelegis, per facilaj vortoj, pri Bulgarujo kaj ĝia popolo, kutimoj, historio kaj arto, entute la vivo mem de la lando.

Je la fino de la prelego, la ĉeestantoj demandis al ŝi diversajn aspektojn de la vivo en Bulgarujo, kaj pri la esperanta movado. Granda aplaŭdado premiis la intervenon de S-ino Ivanova.

**L. Hernández**

## GIJON

En Gijón (cetere kiel ĉie), kiam ĉe la sojlo de la aŭtuno plantoj kaj floroj ekveltas, la Esperanto-Movado kontraŭstaras la sezonon kaj burĝonas promesplena pri «verda» disflorado.

Je la 3-a de oktobro en nia sidejo kaj en klasĉambro de la «Cátedra de Extensión Universitaria» komenciĝis supera kurso de Esperanto, gvidata de s-ano Mulas.

La 6-an de la sama monato s-ano Julio Argüelles komencis por-infanan kurson de la Internacia Lingvo en la «Colegio Rey Pelayo» pri Ĝenerala Baza Edukado.

En la 22-an ni malfermis Komencan Kurson, kiun gvidas s-ano Faustino Castaño helpata de s-ano Adonis G. Meana, ankaŭ en klasĉambro de la «Cátedra».

Kaj, fine, s-ano Antonio Román Cantón gvidas Kurson de Esperanto por infanoj en la «Colegio Sagrado Corazón», de nia urbo.

«Cent semoj perdiĝas, mil se- [moj perdiĝas,
Ni semas kaj semas konstan- [te...»

**Adonis**

## ZARAGOZA

La 24-an de Oktobro, komencis en la E-Societo «Frateco» la tria ciklo el niaj Seminarioj, kiuj kiel kutime, okazos ĉiu vendrede dum la tuta lernojaro. Prelegis en la inaŭguro S-ano A. Marco Botella kiu temis pri «Prezento kaj nuancoj por nia tria ciklo de Seminarioj». La 31-an de Oktobro estis samideano Salete Tejero kiu disertaciis pri «Estonteco de nia planedo», kaj la tria temo dum venontaj vendredoj estos «Poezio kaj Esperanto», kaj pluraj el niaj samideanoj iros en la podion, ĉar sendube la temo permesas ampleksajn studojn kaj komentariojn, kaj al ĉiu prelego sekvas la koncernan kolokvon.

La 9-an de Oktobro komencis la Esperanto-kursoj. Du por komencantoj kaj alia por progresantoj. Ankaŭ oni gvidas du kursojn en oficialaj lernejoj de Ĝ. B. E. kie lernas la internacian lingvon 80 gelernantoj. Do, grava aktivado en la E-Societo «Frateco».

**A. Marco**

## BILBAO

La 13-an de Oktobro komencis en la Bilbao-a Esperanto Grupo la Esperanto-Kursoj, kun granda partopreno da gelernantoj, ĉar la unua Elementa Kurso gvidas S-ano José Antonio Ortega kaj partoprenas en ĝi 22 gelernantoj, kaj la duan gvidas S-ano Santiago Martín kun partopreno da 23 gelernantoj. Ankaŭ por la progresantoj komencis praktikan kurson por perfektigi nian Esperanton.

Aliflanke, S-ano José Antonio Iranzo, prelegis hispanlingve en la Oficiala Lernejo pri Lingvoj pri la temo «Esperanto, lenguaje y cultura» la 27-an de Oktobro. Ĉiuj kiuj konas la klerecon kaj la sindonemo de S-ano Iranzo ne povas dubi pri la granda sukceso atingita.

(Laŭ Cirkulero de la Grupo)

## SANTIAGO DE COMPOSTELA

En la kadro de la Instituto por Lingvoj, apartenanta al la Vicrektorejo por Universitata Disvastigo, kaj en la ejo de la Filologia Fakultato, kvankam ekster ĉi ties kariero, okazas Esperanto Kurso gvidata de S-ano Antonio Alonso Núñez, kaj malfermita al ĉiu homo pli ol 16 jaraĝa. La prestiĝo de nia E-Kurso daŭre kreskas en la universitataj medioj, kie nia afero pri la monda lingvo ĉiam altiras la atenton. Kursofine, la Rektora Moŝto subskribas la koncernan atestilon, kaj ni jam du jarojn instruis elementan kurson kaj unuan meznivelan kurson. Entute 65 gelernantoj ricevis la atestilon, kaj 20 aliĝintoj ne rajtis ricevi ĝin.

Mi deziras fari alvokon: La aranĝo de E-kurso ĉe supera Universitata nivelo kuŝas tute ekster la forto de unu sola homo. Ni ĉiuj scias ke jen kun universitata titolo, jen sen ĝi, en nia lando ekzistas homoj kapablaj labori tiunivele, ĉu instrue, ĉu prelege, k.t.p. Mi konkludas ke estus saĝe ke ĉiu hispana samideano kun ideoj tiurilataj, skribu al mi, ĉu al H.E.F. kun la celo starigi diskutrondon pri tiu temo, kaj interŝanĝon de ideoj kaj spertoj.

**A. Alonso Núñez**

---

# MURCIA, NIA KONGRESURBO POR 1981

Alifoje, kiel tradicie okazas ĉiujare, la hispanaj esperantistoj estas alvokitaj al la Nacia Kongreso de Esperanto. Ĉifoje la elektita urbo estas Murcia.

Alveninte Murcion, tuj oni vidas elstari majeste kiel gvatisto la turon de ĝia Katedralo kun siaj 95 metroj da alteco, kiu estas admiro de ĉiu vojaĝanto kaj fiero de ĉiu murciano. Simpla kaj gastema popolo, Murcia proponas al la vizitantoj la tiel admirindan lumecon de sia cielo kaj la malavarecon de sia klimato.

Ĉirkaŭante la urbon, senfine disvastiĝas kiel ĉarma tapiŝo la verdeco de siaj fruktĝardenoj, kiuj iam estis Maŭra Kamparo.

En la urbo troviĝas krom la modernaj kaj ampleksaj aleoj, la ĉarmaj placetoj kaj la tipaj stratetoj kiel tiuj de «Trapería» kaj «Platería».

Murcia havas multajn vizitindajn konstruaĵojn kiuj atestas pri la longjara kulturtradicio de la Murcia popolo.

Parolante pri Muzeoj, nepre ni devas mencii unualoke la nomatan «Muzeo Salzillo» kie oni povas admiri la plej belajn kaj artajn skulptaĵojn de tiu skulptisto, sed en Murcia aliaj Muzeoj atendas nian viziton kaj inter ili estas la «Katedrala Muzeo». «Muzeo pri Belaj Artoj», kaj kiel forlasi la urbon ne vizitinte ĝian unikan «Internacian Muzeon pri la Folklora Kostumo», instalita en bela renesanca konstruaĵo de la XVI-a jarcento?

La Katedralo estas ege bela; ĝian konstruadon oni komencis en la jaro 1394-a kaj finis en la 1754-a. Ĝi estas majstra konstruaĵo de la hispana baroka stilo, sed de ĝi plej elstaras ĝia svelta turo kun tri malsimilaj arkitekturaj stiloj, nome de arkitekto Herrera, «rokoko» kaj «novklasika».

Aliaj monumentoj vizitindaj estas la Episkopa Palaco, konstruita laŭ itala rokoka stilo; la Universitato (kiu dum la Kongreso funkcios kiel Kongresejo) instalita en antikva mercedana monahejo kun bela renesanca korto kun belaj sveltaj kolonoj de blanca marmoro.

Ni ankaŭ ne povas lasi la urbon ne vizitante la Monahejon S-ta Klara, la Preĝejojn «S-ta Mikelo», «S-ta Bartolomeo», «S-ta Nikolao» kaj kompreneble ne forgesante la belan kazinon de Murcia.

Trankvile promenante, ni atingos la bordon de la rivero Segura kiu malrapide, kun la minaco de siaj oftaj altiĝoj transiras la urbon, kaj de tie ni atingos la «Parkon Malecón» (legu Malekon) kie ni povas admiri kiel Murcia estas vere urbo kaj fruktĝardeno, plurfoje kantata de poetoj kaj muzikkomponistoj.

Ni jam eliras el Murcia kaj kial ne iri al ĝia verda fruktĝardeno kaj viziti ĝian faman «Radon de la Ñora» de araba deveno, kiu ankoraŭ nuntempe funkcias levante la akvon de la kanalo por akvumi la riĉan fruktĝardenon de Murcia?



Placo de Hispanujo

Tio ĵus dirita estas nur parto de la vidindaĵoj ekzistantaj en Murcia. Pro tio mi sugestas al vi, ke vi venu al Murcia kaj tiel vi povos koni ilin persone kaj ĝui la Murcian klimaton. Okaze de la XLI-a Hispana Kongreso de Esperanto ni, murcianoj, atendas vin ĉiujn kun malfermitaj brakoj kaj, kompreneble, ni ŝategos ricevi la viziton de multaj alilandaj gesamideanoj, ĉar tiel Murcia estos dum la kongrestagoj eta Esperantujo.

**Francisco Miguel Muñoz Garre**
(Vicprezidanto de la O. K.)

# FUNDACION «ESPERANTO»

## Internacia Literatura Konkurso

## VERDIKTO

La 1-an de decembro 1980-a kunsidis la membroj de la Patronaro Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo, S-ro Víctor Ortiz, kaj F-ino Inés Gastón, sekretariino. Ŝi informis pri la poentoj asignitaj de ĉiu membro de la Juĝkomisiono, respektive D-ro Carlo Minnaja (Selvazzano, Ital.), S-ro Salvador Gumá (Reus, Hisp.), S-ro Miguel Gutiérrez (Santander, Hisp.), kaj S-ro Petro Nuez (Barcelona,, Hisp.).

La adicio de la poentoj respektivaj rezultigis:

31 poentojn al konkursaĵo «La origino de la morto», al kiu estas aljuĝita la

Unua Premio: «Sancho Rebullida», kaj
po 30 poentojn al konkursaĵoj «Nia vilaĝo, popolo kaj popola kanto» kaj «La astronomia horloĝo en Prago», al kiu estas aljuĝita la

Dua Premio: «Fundación Esperanto».

La Patronaro decidis ke estu du duaj premioj, anstataŭ dividi ĝin.

Tuj poste la sekretariino malfermis la identigajn kovertojn, kaj la aŭtoroj premiitaj estas:

S-ro Bernard Golden (Veszprém, Hung.), Unua Premio.

S-ro Jindřich Tomíšek (Přerov, CS), kaj

S-ro Valdemar Vinař (CHEB, CS), Dua Premio.

La Patronaro de «Fundación Esperanto» dankas al la Juĝintoj pro ilia kunlaboro, kaj al la partoprenintoj pro ilia entuziasma koplodo vivigi Esperanton per siaj verkoj.

Zaragoza (Hispanujo), la 15-an de decembro 1980-a.

INES GASTON.—Sekretariino de «Fundación Esperanto» kaj de la Konkurso.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO MALFERMIS OFICEJON EN NOVJORKO

Vidalvide al la Domo de Unuiĝintaj Nacioj en Novjorko, UEA malfermis oficejon por prizorgi la rilatojn inter UEA kaj UN.

En la oficejo oni lastatempe stagiris bretaron por elmontro de eldonaĵoj, tiel ke vizitantoj al la oficejo ricevu ian impreson pri Esperanto kaj la diverseco de materialo havebla en la Internacia Lingvo.

Trans la strato, en la DOMO de UN mem, la Esperanto-Klubo de UN havas propran montrokeston, en kiu estas ekspoziciataj libroj kaj gazetoj Esperantaj.

Se vi deziras, ke ankaŭ viaj eldonaĵoj estu elmontritaj en tiuj du lokoj, ni estus tre dankaj se vi bonvolus sendi ilin al ni regule. Ni faros nian eblon atentigi niajn vizitantojn pri ili laŭ digna kaj taŭga maniero. Tiel ni samtempe helpas vin kaj estas mem helpataj... Bv. uzi ĉi adreson. Oficejo por rilato kun UN: 777 United Nations Plaza, New York, NY 10017, Usono.



## INTERNACIA KULTURA SEMAJNO EN STYKKISHOLMUR (ISLANDO)

De la 18-a ĝis la 24-a de julio 1981 la Islanda E-Asocio planas organizi internacian kulturan semajnon en Stykkisholmur, Okcidenta Islando. La urbo estas apudmara kaj situas en tre bela ĉirkaŭaĵo sur la suda bordo de la «Larĝa Fjordo», je ĉirkaŭ kvarhora veturdistanco de Reykjavik per aŭtobuso. La celo de la semajno estas konigi al la gepartoprenantoj la naturon kaj birdan vivon de la regiono. En la sama maniero, aliaj regionoj de la Okcidenta Islando estos konigataj kaj poste traveturataj revoje al Reykjavik en la fino de la Semajno. Por pli da informoj: Islanda E-Asocio. Posthólf 1081. **Reykjavik** (Islando).



Foto farita en 1951 —a okaze de la 12-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Tarrasa. Unuavice de maldekstre dekstren: S-ro Olivé Ferrando, la edzino de S-ro Hernández Llusera, S-ro Hernández Llusera kaj S-ro Jaume Viladons Valls.

# PLACO MEMORE AL ESPERANTISTO

Ekde la 18-a de Majo 1980, en ĵus inaŭgurita placo de la grava kvartalo «Creu Alta», en Sabadell, figuras nomtabulo kun la nomo de la multjara tre aktiva esperantisto, s-ro Jaume Viladoms Valls, iama UEA-delegito kaj SAT-ano, pioniro de Esperanto kaj senlaca kursgvidanto.

La nova placo, ĉirkaŭita de pluretaĝaj modernaj domoj, distancas nur kelkajn metrojn de la loka Bulvardo Zamenhof (= Ronda Zamenhof) ankaŭ proksima al la ejo de «Centro de Esperanto Sabadell».

V. H. LL.

---

# OFICIALA KOMUNIKO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

Oktobro, 1980.

La Akademio de Esperanto notas kun forta malaprobo diversajn proponojn, inter si malsimilajn, ŝanĝi aŭ modifi la ortografion de Esperanto.

La Akademio konstatas, ke neniu ortografia ŝanĝo estas necesa aŭ dezirinda, aŭ en ligo kun modernaj presmaŝinoj aŭ komputmaŝinoj, por kiuj ĝia ortografio estas tiel same oportuna kiel la ortografioj de aliaj lingvoj, aŭ pro ia ajn alia motivigo.

La ortografio de Esperanto estas integra parto de la historio kaj kulturo de tiu lingvo, kaj konformiĝas perfekte al la karaktero de la lingvo. Iu ajn ortografia ŝanĝo nur kompromitus la lingvon kaj ties tradicion.

Pro tio la Akademio de Esperanto konfirmas, ke la sola alfabeto de Esperanto estas tiu de la Fundamenta Gramatiko, al kiu aldoniĝas samloke jena rimarko: «Presejoj, kiuj ne posedas la literojn ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ, povas anstataŭ ili uzi ch, gh, hh, jh, sh, u».

Prezidanto: W. Auld.
Sekretario: D-ro A. Goodheir

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

LA IGLESIA Y EL PROBLEMA DE LA LENGUA AUXILIAR ESPERANTO

Aŭtoro: Jerzy Korytkowski.
Eldonejo: E. Claret. Barcelono.

Fine aperis hispanlingve la fama verko de Jerzy Korytkowski titolita en la esperanta eldono «Ekumenismo kaj Internacilingva Problemo». La verko, enhavanta antaŭparolon de M. D. Chenu, deziras kontribui al la disvastiĝo de la kristana mesaĝo uzante por tiu celo la plej taŭgan lingvon, tio estas, la Internacian Lingvon Esperanto.

Komencas la aŭtoro montrante la religian kaj socian aspekton de la lingva komunikado en la historio kaj en la Sankta Biblio, por poste klarigi la rolon de la latina lingvo en la Eklezio, kaj la kialon de la lingva solvo favore al la universaleco. En tiu senco estas Esperanto la respondo al la moderna deziro de interkompreniĝo, kaj la aŭtoro analizas la karakterojn de la esperanta lingvo: originon, facilecon, neŭtralecon, religian kaj socian aspekton, kaj Esperanton en la praktiko, ne forgesante la gravecon de la venonta perspektivo de Esperanto en la evoluiĝantaj landoj.

Entute tre interesa verko kiu celas ĉefe montri la gravan kontribuon de la lingvo Esperanto favore al la plej granda homa solidarideco, ne forgesante la teologian aspekton de la problemo.

Libro facile komprenebla, skribita laŭ bona stilo, tradukita de Enrique Zanni, kaj tre interesa speciale por la kristanaj esperantistoj. Do, aktuala libro, kiu analizas Esperanton kiel la plej disvastigitan kaj neŭtralan komunikilon, studante la perspektivojn de la estonta dimensio de la problemo.

**M. R. Urueña**

---

PENDUMILAJ LIDOJ, laŭ Kristiano Morgenŝterno (Morgenstern), tre libere el la germana lingvo esperantigita de Rikardo Ŝulco. Eldonejo Bleicher, Gerligen-Stuttgart. Formato 11x18 cms, 108 paĝoj. Prezo ne indikata.

«La burleskaj lidoj de Morgenŝterno —diras Ŝulco—, estas spritaĵoj kaj, kiel tiaj, tute en la senco de la psikoanalizo, mallongigitaj pensoj, koncizigitaj imagoj, determinitaj ellasoj de la subkonscio, certe ne sensencaĵoj, sed, kontraŭe, portantoj de iu ofte kaŝita, pli profunda senco, kiu rilatas al iu realo ekster la ordinara, banala realo de la realistoj».

Ĉe la libera traduko ofte oni ridetas pro Esperant-lingvaj filigranoj, i.a. ŝerca ŝanĝo de bestnomoj pro rimaj adaptoj, sed ĉiam la gramatika ĝusteco estas plena. Ĉi tiu poemoj certe plaĉos al tiuj, kiuj satas la modernajn art-tendencojn. Preso tre bona kaj altira.

**VELUS**

# DEZIRAS KORESPONDI

S-ino Liliana Palczewska, ul. Zeligowskrego 17 m. 36.—PL-90-752 LODZ (Pollando) kun mezaĝaj hispanoj.

S-ro Raman Bartel, Pod Kastany 14.—61.600 BRNO (Ĉeĥoslovakio) 22 jara studendo pri agrokulturo. Li ŝatas sporton, teknikon kaj modernan muzikon.

S-ro Ivan Vasilev Velkov, str. Georgi Dimitrov 122 A VIDIN (Bulgario) 30-jaraĝa elektroteknikisto kaj deziras korespondi kun hispanoj pri muziko.

21-jara studendo de ekonomio, Yamada Kazuo, c/o Kamishiro, 25-4, 2-chome, JAMAGA, Minami-ku, Fuknoka-shi, Fukuoka-kea 816 JAPANUJO.

Laboristino 24-jara, Anna Svobodova, Veterov ĉ. 141, 69033 Archlebov ĈSSR, Ĉeĥoslovakujo.

Oficistino, 40-jara, Marijka Siderova, Blok «Montaĵ-1» uh G. ap. 4, 5500. LOVEĈ, Bulgario.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

## Kotizoj por 1981

| | |
|---|---|
| Membro kun Jarlibro ............ | 700 p-tojn |
| Membro-Abonanto .............. | 1.750 p-tojn |
| Abono al la revuo «ESPERANTO» . | 1.050 p-tojn |
| Abono al la revuo «KONTAKTO» .. | 525 p-tojn |
| Dumviva Membro de U. E. A. .... | 43.750 p-tojn |
| Esperanto-Dokumentoj ........... | 875 p-tojn (10 numerojn) |
| Bulteno «UN kaj NI» ............. | 350 p-tojn (10 numerojn) |

Gejunulojn, malpi ol 26 jara, kiuj kotizas kiel Membro-Abonanto aŭ kiel Membro kun Jarlibro, rajtas ricevi senpage «KONTAKTON».

Nova Membro de U.E.A., malpli ol 18-jara rajtas kontraŭ unu jara kotizo al dujara membreco.

Pliajn informojn petu al la ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, S-ro Juan Azcuénaga Vierna, Capitán Palacios, 3-4º N, SANTANDER.

# NEKROLOGOJ

## Manuel de Elezcano y Maiztegui

En sia 94 jara aĝo (1886-1980) mortis en Bilbao nia altŝatata kaj siatempe, aktiva samideano Manuel de Elezcano y Maiztegui, kiu lernis Esperanton en sia juneco kaj kiu partoprenis kelkajn universalajn kongresojn de Esperanto same kiel multajn naciajn kongresojn kaj renkontiĝojn.

Li havis kelkajn postenojn en la Direktanta Komitato de la Bilbao-a Esperanto Grupo en siaj plej junaj jaroj kaj li ĉiam, fervore kaj entuziasme, ankaŭ aktivis en popolkantoj kaj dum esperantaj festoj per sonora kaj bone agordita voĉo.

Lastatempe li intencis sendi kelkajn liniojn al la Hispana Esperanto Federacio, senkulpigante sin pro sia nerespondo al multaj leteroj kaj poŝtkartoj ricevitaj. jam pasintjare, okaze de Kristnasko kaj Novjaro, sed... li ne trovis la okazon, nek la necesajn energiojn skribi kelkajn liniojn surlite, kie li kuŝis dum multajn monatoj.

Li aktive laboris por Esperanto dum pli ol 50 jaroj. Ripozu pace nia veterana samideano, kiu mortis la 27-an de Novembro 1980-a.

**OTAOLA**

## Paula Conde

La 2-an de Decembro, forpasis en Valladolid S-ino Paula Conde, edzino de la Honora Membro de H.E.F. kaj dum pluraj jaroj Prezidanto de la E-Grupo «Fido kaj Espero» de Valladolid, S-ro Mariano Cantalapiedra.

Al la familio, ĉefe al sia edzo, nia altestimata s-ano, ni esprimas nian kondolencon. Pace ripozu.




# XLI-a Hispana Kongreso de Esperanto

## (Murcia 17-a ĝis 22-a Julio 1981-a)

LOKA ORGANIZA KOMITATO

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | Antonio Serna Serna (Direktoro de I.C.E.) |
| Vicprezidanto: | Francisco Miguel Muñoz Garre |
| Sekretario: | Florián Morales López |
| Kasistino: | Eduvigis Muñoz Garre |
| Voĉdonanto: | José María Bernabéu Franco |
| Voĉdonanto: | Francisco Javier Ortiz |
| Voĉdonantino: | Puri Gallego Sánchez |
| Voĉdonantino: | Mari Carmen Tovar Moreno |
| Voĉdonantino: | Rosa María Navarro González |

**ADRESO DE LA KONGRESO:** Apartado 3.074 MURCIA.

**KONTO DE LA KONGRESO:** Cuenta nº 4.054-52 CAJA DE AHORROS DE ALICANTE Y MURCIA, Oficina Urbana Gran Vía. MURCIA.

**GRAVA NOTO.**—Pagante por la Kongreso okazonta en Murcia, sufiĉas mencii la numeron de la Konto, sen alia indiko.

ALIĜILOJ: Vi jam ricevis ilin kun la antaŭa numero de BOLETIN; se vi deziras pliajn aliĝilojn mendu tuj al Hispana Esperanto Federacio, Dos de Mayo, 4, VALLADOLID.